# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

AÑO VI N.° 5 (65) MAYO, 1954

## MÁS VALE TARDE QUE NUNCA

Decía un célebre profesor, que «un hombre vale según los idiomas que posee». Desde luego, la sentencia peca de exagerada, por cuanto muchos hombres ilustres tan sólo han conocido su propio idioma, y por el contrario existen muchos políglotas que no sacan mucho jugo de su conocimiento. Como en todo, la verdad está en un término medio, que para el caso podríamos enunciar así: «el conocimiento de los idiomas valoriza la capacidad intelectual y las posibilidades productivas del individuo». Cuantos más idiomas se conozca, tantas más fuentes de información y de saber se presentan a quien tiene ansia o necesidad de conocimiento. Y a la inversa, quien posee sabiduría o domina técnicas, puede difundir la materia que domina y hacer partícipes a grandes núcleos de personas si conoce idiomas, para poder extender el área de su influencia científica en medios esparcidos más allá de sus propias fronteras.

Pero cuanto más se desenvuelven las materias científicas y técnicas, tantos más idiomas se precisa conocer. En todos los tiempos han predominado, según las lumbreras que aparecen, determinadas escuelas en determinadas naciones. En Medicina, por ejemplo, la Dermatología destaca especialmente en Francia, mientras que la Biología experimental encuentra su más profundo cultivo en Alemania. Pero como la Medicina se especializa cada vez más, vá resultando muy difícil saber qué idioma hay que aprender para cultivar con mayor profundidad un aspecto de una especialidad. Por ejemplo: uno de los más célebres especialistas en cirugía torácica es sueco. Quien se dedique a la cirugía general, tiene interés en aprender sueco, tan sólo por ese aspecto de la cirugía. Y aún dentro de una misma especialidad, hay quien se esmera en cultivar una sola intervención. Sanatorios hay en Norteamérica, en los que tan sólo se hace una operación determinada. Y en verdad, resulta harto pesado tener que aprender un idioma porque un señor, en determinado país, tiene un sanatorio en el que practica, con singular maestría, un sólo tipo de operación quirúrgica.

De donde resulta que todo médico que desee estar al tanto

BOLETIN
de la
FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA
BULTENO
DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
VALENCIA
Redakcio: Str. Pelayo, 7, 1.ª
Adresoj de la Federacio
Sidejo: Str. Ruzafa, 7 (Casa Chaume)
Oficejo: Str. Pelayo, 7, 1.ª
Telefonoj: 19532 kaj 53579
Oficej-horoj
9 ĝis 13'30 kaj 15 ĝis 20
Sabate: nur 9 ĝis 13
Kunvenejoj
Marde: Str. Ruzafa, 7 (Casa Chaume)
De la 22'30 ĝis 24
Sabate: Montepio de la Dependencia Mercantil
Str. San Vicente, 67, 1.ª
De 15'30 ĝis 18
Kotizoj de la Federacio
Simpla membro: 15 pesetojn jare
Membro-abonanto: 40 pesetojn jare
Membro-subtenanto: 75 pesetojn jare
La membroj de la du lastaj kategorioj ricevas la Bultenon. La subtenantoj ricevas du ekzemplerojn.
Eksterlanda abono al la Bulteno: 40 pesetojn jare
Monsendojn adresu al:
S-ro Ernesto Hurtado
Str. Pelayo, 7, 1.ª - VALENCIA




## FEDERACIAJ KOMUNIKOJ

## ESTADISTICA DE SOCIOS

### MOVIMIENTO AÑO 1953

| | |
|---|---|
| **Matriculados** | **808** |
| **Altas** | **164** |
| **Bajas** | **80** |
| **Efectivos** | **582** |

Desglose

| | |
|---|---|
| **Protectores** | **45** |
| **Abonados** | **508** |
| **Numerarios** | **23** |
| **Honorarios** | **6** |
| **Total** | **582** |

Rogamos a nuestros consocios que todavía no hayan hecho efectivas sus cuotas, tengan la amabilidad de ponerse al corriente durante el presente mes de Mayo. A aquellos que no lo hayan hecho antes del 31 del mismo, nos permitiremos hacerles ***el envío del número de Junio contra reembolso*** del importe de su cuota anual.

La Kasisto, *E. Hurtado.*

---

de las novedades científicas y, más aún, quien quiera aprender las técnicas de los grandes maestros, se vé obligado a perder un tiempo precioso aprendiendo idiomas. Y esto que ocurre a los médicos es lo mismo que se les presenta a los técnicos de todas clases. Pero lo malo del asunto está en que después de muchos años de esfuerzos, son pocos, muy pocos, los que pueden vanagloriarse de haber aprovechado el tiempo y no haberlo perdido por haber logrado tan sólo balbucear cuatro frases manidas. Y este problema ha llegado a ponerse tan feo, tan feo, que ya hay quien clama al cielo y pide una solución urgente a tan perentoria necesidad.

La ONU, por medio de la UNESCO, está estudiando seriamente la manera de obviar tan engorroso anacronismo por medio del Esperanto. Dentro de unos meses, en Montevideo, se discutirá este asunto, para cuya solución aportarán razones los delegados de las diversas naciones que forman parte del organismo cultural de la ONU.

Si los ingenieros y técnicos han tenido que adoptar patrones internacionales para las medidas de ciertas piezas y herramientas; si los marinos, desde hace muchísimos años, han tenido que adoptar un código internacional de banderas y señales; si los médicos han tenido que ponerse de acuerdo para establecer una valoración internacional de los medicamentos más activos, ¿no sería más natural que todos nos pusiéramos de acuerdo para hablar un idioma neutralmente lógico con los extranjeros que no conociesen nuestra lengua? ¿No es mil veces más útil y más importante poder hablar y comprender lo que nos hablan los demás, que tener que ponernos de acuerdo por separado para mil y mil asuntos y asuntillos de interés general? Si con un esfuerzo único y, por lo demás, poco costoso, pueden resolverse de golpe todos esos problemas que nos amargan la vida de relación, ¿por qué perder el tiempo en soluciones parciales y precarias? El Esperanto se ofrece a la luz de la lógica como esa solución que, más o menos pronto, habrá de aceptarse. Y entonces no habrá más remedio que pensar en que fué una gran lástima el no haberlo hecho antes. Pero, ¡más vale tarde que nunca!

*Dr. Rafael Herrero, por «Radio Alerta», de Valencia.*

# NOVAJ LIBROJ

*Recenzistoj esprimas ĉi tie siajn proprajn juĝojn pri verkoj.*
*La Redakcio kaj la Estraro de H E F estas tute sendependaj de iliaj opinioj.*

**EL PADRE HIDALGO Y LOS SUYOS.— Gene-biografía del héroe, sus antepasados y parientes.** Jesús Amaya. Editorial Lumen, México, 1952.-392 páginas y numerooas ilustraciones en el texto.

Contribución sobresaliente a la genealogía del héroe de la independencia mexicana *Miguel Hidalgo,* más conocido como *el cura Hidalgo,* es este libro del samideano Jesús Amaya. Posiblemente pocos americanos tendrán un árbol de costados tan completo como el que Amaya ha hecho para *Hidalgo,* cuya línea agnada remonta hasta el siglo XVI en México y algunas de cuyas colaterales suben hasta tiempos precolombinos en España. Ciencia ancilar de la historia, la genealogía se prestigia con estudios como el presente, máxime si lo miramos desde el marco español, donde la genealogía apenas ha pasado de la etapa de auxiliar de nobiliarios, concebidos las más de las veces para halagar vanidades pueriles y no como apoyatura de la investigación histórica. En América la genealogía se cultiva como materia para el mejor conocimiento del pasado, y una prueba brillante es el excelente trabajo del señor Amaya.

Si traemos a estas páginas una mención de tal libro, ello se debe al hecho de haber aprovechado el autor las conclusiones de nuestro artículo *Hidalgo,* estudio lingüístico aparecido en «Esperanto» de UEA, para fundamentar la etimología de tal voz, pues prueba que trabajos tan especializados como los lexicológicos pueden publicarse en esperanto con provecho. A este respecto debo añadir que el mismo artículo sirvió de fuente de información a una agencia de Nueva York, a quien se le pidió desde la población *Hidalgo* de los Estados Unidos un informe acerca del origen de esta palabra. La agencia neoyorquina resumió el citado artículo y lo tradujo al inglés, y así apareció en el periódico local de más difusión de la ciudad de *Hidalgo.*

Réstanos sólo agradecer al samideano Amaya su libro y su mención y recomendarlo sinceramente a los círculos interesados en la historia de México y en la genealogía de *Hidalgo* y sus parientes.

*J. Régulo Pérez.*

**INTERNACIAJ FERIAJ KURSOJ EN HELSINGOR,** Faldprospekto eldonita de S-ro L. Friis, Ingemannsvej, 9, Aabihoj, Danlando.

Nia bona amiko S-ro L. Friis eldonis tre belan prospekton pri siaj famaj feriaj kursoj en Helsingor. Ĝi havas unualoke vidaĵon pri la bela Internacia Altlernejo, kie la kursoj okazos kaj kie la partoprenontoj gastos. La kursoj konsistos en «Daŭriga», «Konversacia», «Prepara por Esp-instruistoj», «Por Esperanto-gvidantoj» kaj «Infana», kaj ĉiujn kursojn gvidos tre kompetentaj geinstruistoj. Ankaŭ okazos interesaj prelegoj kaj ekskursoj al la belaj ĉirkaŭaĵoj. Kaj je la fino oni faros du karavan-vojaĝojn: unu al Hamborg kaj la alia al Haarlem, por partopreni la Internacian Kongreson. La dato estas de la 17-a al la 24-a de Julio. Limdato por aliĝoj estas la 24-a de Junio. Petu la prospekton al S-ro Friis, laŭ supre citita adreso.

*J. B.*

**BONN-FEDERACIA ĈEFURBO.**—Eldono de «Stadtisches Verkehrsamt Bonn». Havebla kontraŭ unu respondkupono ĉe la UEA-Delegito S-ro Ernst Kind, Nordstrasse 47, Bonn am Rhein, Germanujo.

Venis al ni du novaj faldprospektoj pri la okcidentgermana ĉefurbo. Ambaŭ reklamiloj estas presitaj germane, kun aldona folio en pluraj lingvoj kaj en Esperanto. La prezento estas plaĉa kaj agrabligas ĉi tiun eldonaĵon, kiu pliriĉigas la kolekton de similaj prospektoj en nia lingvo pri aliaj germanaj urboj.

*Ernesto Hurtado.*

## PURAMO

*Al fratamikino, ROSA ISELI*

Vin ami, vin ami kaj esti amata;
vin ami kaj esti amata de vi,
kaj vivi ni kune je ĝoj' delikata,
intime, silente, en puridili'.

Aliaj vivantoj pro nigra mizero,
envias la homojn de ega trezor'.
Ni ambaŭ nur amu kaj estos la tero
belsona kantado por nia la kor'.

Dum princo koleras en luksa palaco
kaj celas militon —ruina fatal'!—
ni ambaŭ nin amu en sento de paco
ĉe eta kabano kun noblideal'.

Se homaj formikoj adoras juvelojn,
la kronojn el oro, riĉveston sen par',
ni flugu plej supren ĝis trovi la stelojn,
kaj amu kaj ridu pri tia fratar'.

Ĉe nia fontano, birdarmelodio
fratiĝu kun rozoj de dia parfum',
kaj suno kaj maro, riveroj kaj ĉio
nin amos, karesos, per kisoj de lum'.

Ne vidi suferojn, ne aŭdi stultulojn...
Forgesi la mondon nur estu la cel'!
Vin ami, vin ami —okuloj, okulojn,
animo, animon— kun alta fidel'!

Vin ami, vin ami kaj esti amata;
vin ami kaj esti amata de vi,
kaj vivi la vivon je ĝoj' delikata,
intime, silente, en puridili'!

*Francesc Vilá.*

## LA AMBIGUA DIINO

Ambigua Diino, diin' multeforma,
Kiu estas la luno, la mar' kaj virino,
Sed virino kruela kaj maro tre ŝtorma,
Freneziga la luno, terura diino,
Pratempaj tamtamoj
De zorgplenaj amoj
En pojno maldekstra sonadas per pulso;
Mi sentas la tajdon de via impulso.
Diino de maro, de frajplena maro,
Kaj de luna tutmorta kiu kreskas, mal-
[kreskas,
Sinmortigas la luno antaŭ la homaro,
Kaj la mar', per pleneco de viv', fosforeskas;
Diino de l' flu',
Vi estas la du,
Ambigua diino, vi estas la sorto,
La volo de vivo, la volo de morto.

La mit' vin dividas, Venuso, Diano,
Duvizaĝa diino, sed mitoj ne pravas;
Vi estas samtempe la luna vulkano
Morta, kaj maro kiu lafŝtonojn lavas
Per akvoj fekundaj;
La akvoj senfundaj
Reflektas la lunon; la luno regadas
La martajdojn kie rebril' luna vadas.

Vin ekkoni alportas pli grandan teruron,
Terura diino de nigra magi',
Ĉar vi ne nur plenigas la tutan naturon
Sed eĉ mian koron; vi estas en mi;
Animo la mia
Timigante ja dia,
Ne nur konas misteron sed estas mistero
Kaj la kor' estas luna vulkana kratero!

*Marjorie Boulton.*

## RIMO

De l' salon' en angulo malluma,
forgesita kredeble de l' mastro,
tutsilenta kaj plena je polvo,
vidiĝis la harpo.

Kiel multe da notoj dormadis
en la kordoj, kiel bird' sur branĉo,
atendante ke ilin eltiros
neĝoblanka mano.

Kiel ofte geni' tiel dormas
de l' animo en la profundaĵo
kaj la vokon: leviĝu kaj marŝu!
ĝi atendas samkiel Lazaro.

**Gustavo Adolfo Bécquer**

Tradukis: *José Martínez Martínez*

# LA VESTO KAJ LA BESTO

En la tempoj malnovaj de la militegoj kaj militagoj, feliĉe nekonataj jam en niaj pacaj tagoj, ĉar malpaco pro limo fariĝis kutimo kaj malpaco pro kredo, fariĝis heredo, foje, du eksamikaj reĝoj, pro landlima bagatelo decidis interbatali, kontraŭstarante la saĝan konsilon de prudenta sorĉisto, kiu opiniis, ke estinta amiko, estas plej danĝera malamiko, kaj sekve, pli facile estas eviti, ol spiti.

Kompreneble, la monarkoj mem ne militis, ĉar ili volis senlanigi, sed ne senhaŭtigi unu la alian, tial ke ili ambaŭ tre multe ŝatis sian haŭton, kaj se estis necese morti en defendo de la reĝolando, por tio ili havis tiel kuraĝan militistaron.

La regnestroj de nia rakonto, do, ekspedis siajn respektivajn armeojn al la malproksima batalkampo, kiun ni nomos pli precize hombuĉejo; sed, la saĝa magiisto, kiu kredis, ke saĝulo aŭskultas konsilon, tiom multe koleris kontraŭ la malatento de la malamikiĝintaj reĝoj, ke li sin venĝis tre gracie kaj racie.

Nu, kiam la kontraŭaj militistaroj ekatakis unu la alian kun la intenco senhaŭtigi al si reciproke la kranion, la saĝa sorĉisto, per sia magia povo, defaligis la vestojn de la ambaŭpartiaj batalantoj, kiuj samtempe perdis la parolkapablon, restante sekve mutaj kaj ĝisnude senvestigitaj.

Per nudaj armiloj, do, kaj kun nudaj korpoj ankaŭ, la terura batalo de homo kontraŭ homo komenciĝis ĉe la limo de tiuj du antaŭe pacaj regnolandoj; sed, subite, sorĉe, fariĝis tie tia konfuzo, ke la senegala lukto ne povis daŭri longe, ĉar la nudaj kaj mutaj soldatoj ne plu rekonis siajn kunbatalantojn.

Kiel amuziĝis nia sorĉisto antaŭ tia gajiga spektaklo! La militistoj ne sciis kiun ataki, kontraŭ kiu lukti, nek kiu estis la amiko kaj kiu la malamiko, ĉar ili ne povis interkompreniĝi... Sed, tiam, nur tiam, kiam ili ne povis sin kompreni reciproke per la lingvo, ili interkompreniĝis per la koro, kaj nur tiam ili komprenis la grandan stultecon de la milito, la grandan krimon de la homaro...

Kiam la prudenta sorĉisto redonis al la sorĉitaj soldatoj la parolkapablon kune kun la vestoj, ili ĉiuj vestiĝis kaj revestiĝis per... honto kaj digno, kaj rifuzante batali denove, ili etendis la manon unu al la alia, kaj super la eternaj kvereloj de la regnestroj, la soldatoj eningigis por ĉiam la glavon, kaj fariĝis ĉiuj amikoj, ekkriante:

«NE SEN VESTOJ NI ESTAS BESTOJ,
SED KUN VESTOJ NI ESTAS BESTOJ!»

*Ricardo Quiles.*

---

# NI DANKAS RADION ROMA

La simpatiaj kaj diligentaj samideanoj de la Radio Roma (Esperanto-Fako) havis la ĝentilecon, per sia elsendo de la 31-a de Marto, raporti pri la omaĝo kiun la valenciaj samideanoj dediĉis al la antaŭa redaktoro de nia bulteno S-ano Luis Hernández, okaze de lia eksiĝo. Sed la ĝentileco de tiuj afablaj samideanoj ankoraŭ pli pruviĝis per la fakto, ke S-ano Luigi Minnaja, kiel kontribuo al tiu omaĝo, legis propran kaj belegan poeziaĵon, dediĉita al S-ano Hernández. Kaj li faris tion kun la vervo, kun kiu li kutimas regali niajn orelojn. Krome Radio Roma faris laŭdan mencion pri nia bulteno, anoncis nian venontan Kongreson en Zaragoza kaj reklamis la en ĝi okazontan Literaturan Konkurson. Kun danko al S-ano Minnaja, al ĉiuj liaj kunlaborantoj kaj al la Radio Roma, kiuj tiom faras por Esperanto tra la etero, ni sendas al tiuj aktivaj kaj entuziasmaj samideanoj nian plej varman saluton.




# LA VOĈO DE L' KONGRESO

**XV-a Hispana Kongreso de Esperanto**
**24 - 27 Julio 1954**

**Adreso de la Organiza Komitato:**
**Santa Isabel, 10 - ZARAGOZA**

*PLI DA HONORAJ MEMBROJ.* Krom la Moŝta Rektoro de la Universitato, ankaŭ konsentis esti Honoraj Membroj de la Kongreso la Moŝta Provincestro S-ro José Manuel Pardo de Santayana, la Moŝta Prezidanto de la Provinca Deputitaro S-ro Antonio Zubiri Vidal kaj la Moŝta Urbestro S-ro José María García Belenguer. Ĉio kontribuos, impone impresi la publikon, kio efikos kiel taŭga propagando.

*KURSOJ KAJ PRELEGOJ.* La Esperanto-kursoj en Zaragoza daŭras kun plena sukceso, ĉar ili estas tre multnombre ĉeestataj kaj la entuziasmo de la lernantaro estas granda. La Organiza Komitato vigle laboras kaj ĉiuj ĝiaj membroj rivalas pri aktiveco kaj fervoro. Oni komencis serion da prelegoj en Esperanto, por kutimigi la lernantojn al la lingvo. Jam prelegis S-ro López Escartín, S-ro Santamaría, Sekretario de la Grupo de San Sebastián, pri sia bela urbo; S-ro Antonio Marco, Sekretario de la Organiza Komitato, prelegis pri muziko, kaj lia disertacio temis pri «Scherazada», de Rimsky Korsakov, ilustrita per belaj partoj de la partituro.

*FERVOJA RABATO.* La estraro de la RENFE (Hispanaj Fervojoj), sekve de la peto de nia Organiza Komitato, konsentis fari la kutiman rabaton, ne nur por la poŝtaj vagonaroj, kiel en niaj antaŭaj Kongresoj, sed ankaŭ por la rapidaj kaj ekspresaj, kio reprezentas grandan avantaĝon por niaj kongresanoj, ĉar se dezirate ili povos vojaĝi multe pli komforte kaj rapide ol en antaŭaj fojoj.

*POŜTKARTOJ.* Pro la granda sukceso de la ilustritaj poŝtkartoj kun esperanta teksto, estis necese pretigi novan eldonon, en kiu oni ankaŭ faris kvar pri la «Monasterio de Piedra». Ili do ankoraŭ estas aĉeteblaj. Sed estas ankaŭ alia novaĵo pri poŝtkartoj: ***La Kongresa Poŝtkarto, bela kaj kvinkolora, estas jam liverebla.*** La prezo estas UNU peseto. Mendu ilin ĉe la Organiza Komitato.

*FILATELAJ KOVERTOJ.* La Komitato eldonas specialajn ilustritajn kovertojn, kun la celo sendi ilin al la petintoj, kun la marko stampita per la speciala stampilo funkcionta dum la kongresaj tagoj. Filatelistoj povas jam mendi ilin, kontraŭ pago de 3 pesetoj por ĉiu koverto. Eksterlandanoj: unu internacian respondkuponon.

*STATISTIKO.* Inter la novaj aliĝintoj, anoncis sian partoprenon en nia Kongreso la Prezidanto, la Sekretario kaj la Redaktoro de la bulteno, de la Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj, pretaj kunlabori kaj helpi per sia valora sperto, en la fondo de la sekcio de fervojistoj en la Hispana Esperanto-Federacio. Eksterlandanoj estas ĉiam tre ĝoje akceptataj, des pli se ili estas gravuloj, kiuj briligos la Kongreson. Ĝis la 20-a de Aprilo, alvenis 197 aliĝoj. Jen ilia klasigo laŭ landoj, por eksterlandanoj, kaj laŭ provincoj, por hispanoj: Brazilo 1, Nederlando 5, Francujo 1, Portugalujo 1, Zaragoza 76, Barcelona 55, Valencia 30, Vizcaya 7, Guipúzcoa 5, Madrid 3, Lérida 3, Oviedo 2, Canarias 1, Tarragona 3, Alicante 1, Pamplona 1, Córdoba 1, Teruel 1.

La Komitato petas, ke oni afable aliĝu kiel eble plej baldaŭ, ĉar ĝi bezonas scii por kiom da kongresanoj devas esti preparataj la diversaj aranĝoj. Nun ĝi ekeldonis la Kongresan Libron kaj, kiel kutime, en ĝi devas aperi la nomoj de ĉiuj kongresanoj. Bedaŭrinde la malfruaj aliĝontoj ne povos esti enskribataj en tiu libro. Do sendu vian aliĝon plej baldaŭ! Samideanoj, kiuj ne partoprenos, estas petataj aliĝi kiel helpo al la Kongreso; krome ili ricevos la libron kun sia enskribo kaj la ceteran dokumentaron; ankaŭ la kongresan insignon, kiu ĉi-jare estos metala.

# Leteroj al Vizitontoj

II


Arbareto «Macanaz» trans la Ebro.

Zaragoza, nia kara terpeco, krom la sekon, havas alian grandan malhelpon por la terkulturado, nome: la «cierzo», la ĉitiea reganta vento. Estas la «cierzo» iu malbenita, konstanta turmentilo por la kreskaĵoj ĝenerale, sed aparte por la arboj. Ĉiam kiam post granda fluo de la rivero Ebro, blovas en Zaragoza la «cierzo» (kaj tio okazas en la 90 procentoj de la grandaj fluoj), ni vidas neeviteblajn falojn de dek, dudek aŭ kvindek grandaj arboj, plej parte poploj, de niaj arbarparkoj «Macanaz» kaj «Balsas de Ebro Viejo». Niaj riverbordaj arboj havas sufiĉe profundan radikaron por kontraŭstari la forton de la vento kiam la grundo posedas normalan malsekon, sed post tridek-kvindekhora subakviĝo la tero moliĝas kaj la supraj radikoj moviĝas pli kaj pli pro la de la vento skuataj trunkoj, ĝis ili perdas la povon subteni la trunkojn, kaj la arboj falas teren aŭ akven se la najbaroj ne apoge tenas ilin. Pro tio oni devis iom post iom anstataŭigi la grandajn arbojn —dekkvin ĝis dudekkvin metrojn altajn— per junaj poploj.

En la stratoj, aleoj kaj placoj, estas alia la kaŭzo de la altrudata renovigo. En la promenejo nomata «Independencia ekzistis antaŭ dudek jaroj kvar vicoj de malbelaj, skeletosimilaj akacioj, kiujn oni anstataŭigis per novaj arboj. Oni elektis la platanojn, ĉar kiam oni aranĝis la aferon, tiuj arboj povis ĝui ampleksan liverlokon, kaj ili kreskis, plifortiĝis kaj akiris konsiderindan grandecon. Estis tre agrable promeni sub ilia ombro. Sed pro urbaj bezonoj, oni devis malgrandigi la irrigacibasenojn kaj nun estas cerbumiga afero la nepra anstataŭigo de la platanoj per... akacioj. Kontraŭe, en promenejo «Mola» la iom pli malnovaj platanoj pompas kaj ilia foliaro nur pro tio ĝenas, ĉar dumnokte ne permesas sufiĉan lumigadon de la centra trotuaro.

Antaŭ tridek jaroj, ekzistis en Zaragoza granda nombro da ulnoj; sed aperis la malbenita «grafiozo» kaj iom post iom ili ĉiuj malbeliĝas, putriĝas kaj devas malaperi. «Robina»-j, ailantoj kaj aliaj sobraj specoj plenigas la lokojn, pri kiuj devis rezigni la soifantaj antaŭuloj.

Sed pro io ĉirilate povas fieri nia urbo: En la iam nomita «Monte de Torreio» (apudurba monteto) oni plantis preskaŭ tricent hektarojn da seka malmola tero per pinoj, proksimume kvarcent mil ekzempleroj, el kiuj plej granda parto estas «halepensis», iuj «pinea» kaj iuj «canariensis». Tiun gigantan laboron, tute ne komparebla kun la arbaraj restarigoj, monsubtenis sinsekvaj urbestiaroj de antaŭ tridek jaroj ĝis nun; sed ĝi havis konstantan, senlacan, entuziasman pioniron ĉe la jam mortinta ĉefgardisto Victoriano Corral, kies nomon ricevis tiu arbaro, laŭ decido de la urbo.

Pri la nomata «Parque de Primo de Rivera» ni povus paroli; sed mi preferas konsili al vi: Vizitu ĝin.—*Eŭma.*

---

*Gesinjoroj Jacobs, el Antwerpen, kiuj jam kelkajn jarojn pasigis la vintran sezonon en Valencia, foriris en la fino de la lasta Marto al sia hejmurbo. S-ro Jacobs helpis la valencian samideanaron en ilia kluba laboro kaj gvidis Esperanto-kurson por progresintoj, kun granda sukceso. Ni deziras al ili bonan restadon en ilia lando dum la somero, kaj atendas la venontan vintron por ree bonvenigi ilin en Hispanujo.*

# IOM PRI ASTURIO

La asturia regiono plejparte estas malebena. Kelkloke la montoj ĉirkaŭas profundan kaj mallarĝan valon, aliloke la valo estas larĝa, kaj ankaŭ ekzistas ebenaĵoj, sed malgrandaj kaj maloftaj. Tamen, la pejzaĝo ĉiam altiras la atenton de la preterpasantoj; jen oni vidas vastan herbejon, kie trankvile paŝtiĝas bovinoj, jen oni renkontas fluantan rivereton, kies akvoj estas pure kristalaj kaj travideblaj, jen la vidon trafas rivero de nigraj akvoj (tiuokaze oni ne miru, ĉar oni alproksimiĝas al la karbmineja zono). Jen la rigardon altiras la tipaj vilaĝaj domoj, kun ties «koridoroj» ornamitaj per la pendantaj maizaj panikloj, la klasikaj *hórreos* (lignaj domoj, kiuj staras en la aero, apogitaj sur kvar ŝtonaj kolonoj proksimume unu kaj duono metrojn altaj, kie la vilaĝanoj gardas la rikoltojn de terpomoj, maizo, fazeoloj, pomoj, kaŝtanoj k. c.). Kaj kiam oni veturas laŭ la marbordo... tiam la pejzaĝo estas pli bela, se eblas, ol interne. Sed mi deziras paroli pri la karbmineja zono sidanta en la valo de la rivero Nalón.

Ekzistas populara kantaĵo, kies komenco tekstas jene: «De Laviana al Carbayín, vivu la minista gento...» Nu, de Laviana al Carbayín, laŭ la natura fluo de la Nalón, etendiĝas la citita karbmineja zono. Tiu valo estas unu el la plej larĝaj kaj plej riĉaj. Traveturante ĝin laŭ la rivero oni renkontas jenajn vilaĝojn kaj urbetojn: Laviana, vilaĝo kie naskiĝas la fervojo «Langreo» kiu finiĝas en Gijón; Barredos, kie oni vidas la unuajn gravajn minejojn; Blimea, kie la Nacia Instituto por Loĝado konstruis antaŭ ne longe grandan nombron da porlaboristaj domoj (tiajn domojn la menciita Instituto jam konstruis en ĉiuj urbetoj de la Nalona valo); Sotrondio, kie sidas la urbodomo de San Martín del Rey Aurelio; Ciaño-Santa Ana, kie krom la turoj, kiuj atentigas pri la ekzisto de la ŝaktoj, oni ankaŭ vidas la unuajn



*Asturia paŝtistino*

**Foto Vega, Ciaño-Santa Ana**

metalurgiajn fabrikojn kaj la unuajn elektro-produktejojn de la valo; Sama de Langreo, grava urbeto kie ĉiulunde okazas tradicia foiro; La Felguera, kun ties famkonataj kaj gravaj sidero-metalurgiaj uzinoj; Peña Rubia kaj Carbayín. Kaj ĉio ĉi ĉirkaŭita de la montoj, jen verdaj, jen makulitaj de la nigraj teroj eligitaj el la karbminoj.

Somere la spiriton allogas la amuzaj foiroj arangâtaj sinsekve en ĉiuj lokoj por honori ties patronojn; foiroj kiuj okazas ĉu en la belegaj kaj ornamitaj parkoj de la urbetoj, ĉu en la montaj herbejoj de la vilaĝoj. Vintre ankaŭ la pejzaĝo estas bela: unue la velkintaj folioj pelataj de la vento —la tiel nomata «kaŝtana vento»—, poste la ĉirkaŭantaj montoj vestitaj per la senmakula neĝa mantelo... Unuvorte: ĉiam kaj ĉie, en Asturio, la pejzaĝo estas vidinda.

***Adonis González Meana.***

**ESPERANTIGU VIAJN AMIKOJN!**

# K A L E J D O S K O P O

Rigardo al la Esperanto - gazetaro

## ERARA KUTIMO

Sur mia skribtablo kuŝas kelkaj gazetoj de Esperanto-organizoj el diversaj landoj. Interesite pri literaturo kaj ankaŭ pri la vendado de esperantaj libroj, mi ĉiam trarigardas momenton la reklamlistojn de la Libro-Servoj. Ili estas inter si tre diferencaj laŭ enhavo, sed en unu rilato ili similas: en la dana gazeto troviĝas ĉefe eldonoj de verkoj de danaj aŭtoroj, en la sveda de svedoj, en la angla de angloj ktp.

Tiu fenomeno ne estas malfacile komprenebla, ĉar eldonoj el aliaj landoj, de alilandaj tradukintoj kaj verkistoj, estas afero ligita al eksportaj kaj importaj malfacilaĵoj, kaj la necesaj formalaĵoj iom fortimigas la libro-servantojn, kiuj ja ĝenerale devas plenumi tiujn tedajn, temporabajn laborojn en sia libera tempo kaj sen materia rekompenco. Sed ĉu tiu situacio estas tre ĝojinda? Certe ne, ĉar la konsekvenco estas, ke svedoj legas ĉefe librojn verkitajn aŭ tradukitajn de svedoj, danaj esperantistoj grandaparte legas danajn verkojn kaj tradukojn ktp. Se Esperanto estus lingvo jam absolute fiksita en stilo kaj esprimado, tio ne tro gravus, sed tiun punkton ĝi ankoraŭ ne atingis. Naciismoj en vortuzo kaj parolturno ne estas maloftaj, kaj nederlandano malpli facile rimarkas naciisman makulon en verko aŭ traduko de nederlanda aŭtoro, ol alilingvano, kiu pro sia nescio pri nederlanda lingvo estas pli sentema en tiu punkto. Same anglo pli facile pretervidas anglismon, kaj franco francismon. Por la unueciĝo en stilo kaj vortuzo kaj por la alkutimiĝo al vere internacia stilo estas nepre dezirinde, ke okazu plej eble multe da interŝanĝo. Franco legu precipe verkojn de nefranca origino ktp.

Ne nur en pure lingva rilato la nuna situacio estas nedezirinda. Ankaŭ la kultura interŝanĝo suferas pro tio. Ĉu ni lernis Esperanton por legi tradukon de verko el nia propra nacia lingvo? Ekzistas tre bonaj, eĉ admirindaj tradukoj, sed ĉu iel valoras legi tradukon, se oni same kaj ofte eĉ pli bone povas legi la originalon?

Mi iam tradukis «La Perfido» el la «Merijntje-serio» de A. M. de Jong, sed ĉu mi faris tion por nederlandanoj? Mi kredas, ke mia traduko ne apartenas al la plej malbonaj, sed pri komparo kun la originalo mi eĉ ne sonĝis! Mi nur esperis doni ion al la eksterlandano, kiu ne scipovas la nederlandan lingvon kaj sekve ne havas okazon ĝui tiun verkon en ĝia originala lingva vesto. Kaj mi aspiris nur doni ĝueblan tradukon, kiu danke al la specialaj kvalitoj de Esperanto povus superi tradukon en nacia lingvo. Mi vere sentus min seniluziigita, se mi devus kredi, ke ĉefe nederlandanoj ĝin legus, ĉar por ili mia penado esence ja estus superflua! Hazarde «La Perfido» havis alian sorton. Siatempe multaj nederlandanoj ĝin aĉetis por sendi ĝin kiel dankesprimon al eksterlandano pro la helpo, kiun ni ĝuis tuj post la malsat-vintro 1944—1945. Sed multaj aliaj tradukintoj ne havas tiun bonŝancon (mi ne celas la malsat-vintron!) kaj por ke ankaŭ ilia laboro ne perdu sian celon, mi forte konsilas, ke niaj diverslandaj libroservoj tamen prenu sur sin la ĝenon de importo kaj eksporto, eventuale venkebla per simpla interŝanĝo de verkoj laŭ kostoprezoj. Laŭ la nuna sistemo ni kvazaŭ haltas duonvoje koncerne la celojn de Esperanta literaturo. Ni iru *la tutan* vojon!

*W. F. Kruit*

en «LA PROGRESANTO»

---

## KOMPLIMENTO

Angla advokato, ĵus fininte sian kandidatecon, pledis en sia unua profesiaĵo. Fervojo mortigis 24 porkojn de lia kliento, kamparano. La advokato provis klarigi al la juĝistoj la amplekson de la malutilo.

«Sinjoroj, imagu, 24 porkoj! Ili estas la duoblo de vi sur via juĝista benko».

# D I V E R S A Ĵ O J

*Ĉiu membro de nia Federacio aŭ abonanto de nia bulteno, sendanta solvon de enigmo, gajnos unu poenton. Gajnintoj de 10 poentoj ricevos libropremion. Ni akceptos solvojn ĝis la 1-a de Junio.*



ENIGMO N.° 5. Krucvorta enigmo, de Juan Devís. Supra figuro.

*Horizontale:* 1 Oni kovras per maldika tavolo el oro, (rad) fari figuron el moligita maso. 2 (rad) Polpo, ŝanĝi. 3 Eliĝi vaporiĝemaj gasoj, (inv) demeti ovon de rano. 4 (inv) Disdono farita per sorto, strio el ŝtofo aŭ ledo por ĉirkaŭigi la talion. 5 Estaĵo de idonaska sekso, (rad) veg. kies rezino estas laksiga. 6 Sufikso, sufikso, pronomo, (inv) pronomo. 7 (rad) Fizika fenomeno kaŭzanta dilatiĝon en korpoj, iri rapidege. 8 (rad) Spaco inter difinitaj limoj, frakcio, (rad) natura hinda gumo. 9 Konjunkcio, (inv) miksaĵo el kunfanditaj metaloj, (rad) supernatura estaĵo. 10 (rad) Oficiala scienca societo. 11 Aparato reproduktanta la sonojn per diskoj.

*Vertikale:* 1 Ĉiuj kune, ago sidi sufiĉan tempon sur ovoj por havigi al ili konstantan varmon. 2 Antikva eŭropa urbo, duo. 3 (inv) De eŭropa lando, ripeto, sufikso esprimanta kolekton. 4 (rad) Kiel alia, ordiga numero. 5 (rad) Medikamento sub formo de buleto, (inv) monato. 6 Pozitiva elektrodo de pilo. 7 (rad) Antaŭa parto de la homa kapo, (inv) kruda besta haŭto. 8 (rad) Speco de hispana malnova fajenco, inklino al persono aŭ ideo. 9 Planedo, sufikso, sufikso. 10 Itala monero, (rad) marŝado. 11 (inv. kaj rad.) Sento de kredanto, (rad) ina persono amata ne pro seksamo nek pro familianeco.

X<br>
X X X<br>
X X X X X<br>
X X X<br>
X

ENIGMO N.° 6. Kvadrato, de Amalia Núñez. Supra figuro. Anstataŭigu ĉiun x per litero, tiel ke oni legu vertikale kaj horizontale: 1 Vokalo. 2 Nedifinita pronomo. 3 Parenco. 4 Persona pronomo. 5 Vokalo.

ENIGMO N.° 7. Ŝarado, de Juan Devís. La *unua* esprimas sufikson pri naskipova estaĵo; *dua* signifas radikon de infuzaĵo; pronomo estas la *tria;* radikon de la ĉirkaŭo de homa korpo montras *kvina-kaj-tria;* oni dormas kaj ripozas en-*tria-kaj-dua,* kaj *kvara-kaj-kvina* adjektivas rason, klanon, tribon aŭ klason. Do vi divenos la *tuton,* kiu estas facile komprenanta kaj vigle pensanta.

---

TABAKO NE ĈIAM MALUTILAS

Mr. Butler, financministro en Britujo, diris antaŭ nelonge: «Mi petegas, ne forlasu la tabakemon! La tabakimpostoj havigas al mi pli ol ses cent milionojn da pundoj, ĉiujare!»

## LERNU TRADUKANTE

*Inter la sendintoj de korektaj tradukoj ni distribuos premiojn, laŭ samaj kondiĉoj kiel por la enigmoj.*

Traduku esperanten la jenan pecon de la romano «Clara», de la hispana verkisto Francisco de Cossío:

**Pasaba muy de prisa el coche del colegio, y yo apenas podía distinguir las caras. Los uniformes de verano prestaban a la calle una emoción de verano, y el sol, sobre las espaldas y los brazos blancos, diferenciaba muy bien los cabellos rubios de los cabellos negros. El estrépito era tan grande, que todas las mañanas, aunque estuviese lejos en el fondo de la casa, salía al balcón para ver este relámpago. Las chicas lo sabían y miraban hacia lo alto, seguras de encontrarme, satisfechas con esta cita ideal de cada día, y así pude ir, mañana a mañana, clasificando las miradas, hasta detenerme en unos ojos distintos a todos, oscuros o claros, según la luz, pero siempre diferentes a los demás. Ya la cita se hizo única, como en una lección de Astronomía, cuando todas las explicaciones convergen a una sola estrella, y los demás ojos se dieron cuenta de esta preferencia, y una mañana, tan sólo los suyos quedaron pendientes de mi balcón.**

## LINGVA KONSULTEJO

La novaĵoj de niaj gesamideanoj ĉiam estas ĝoje ricevataj. S-ro L. Puig, el Barcelona, alvenigis leteron al nia konsultejo por peti klarigon pri la ĝusta uzado de la reflekta pronomo *si.* Jen niaj konsiloj pri bona aplikado:

Ĝi ne povas esti subjekto, nek parta subjekto. Ĝi ne povas koncerni subjekton de unua kaj dua personoj. Ĉiam ĝi koncernas subjekton de tria persono, kiu ajn estas la nombro kaj sekso. Vidu la jenajn ekzemplojn: *Li sentas sin malfeliĉa; li sin vundis per la tranĉilo; kvarope ili sin ĵetis sur min.*

Por pli bone komprenigi la uzadon de la antaŭdirita pronomo ni prezentos kelkajn komparitajn ekzemplojn: *Li kombas sin* kaj *li kombas lin; ŝi lavas sin* kaj *ŝi lavas ŝin; ili trompas sin* kaj *ili trompas ilin.* En la unua parto de la menciitaj ekzemploj certe oni ne trovos dubon; la dua parto signifas agon faritan al persono malsama al subjekto. La antaŭdirita pronomo ankaŭ povas preni la posedan finaĵon *a* kaj la *j* de la pluralo, sed estas necese atenti multe la regulojn donitajn por la uzo de *si.* Atentu: *La patro amas siajn infanojn; ĉia besto zorgas pri sia nesto.*

**R. Molera, Direktoro de Esperanta Kurso per Korespondado**
**Str. Forn, 19, Moyá, Barcelona**

---

## VIVO SAMIDEANA

Fine de la jaro 1953 S-ano Angel Corral, Prezidanto de la Esperanto-Asocio de Buenos Aires, kiu kun sia filino Irma vizitis nian 14-an Kongreson, revenis al Argentino. Li prelegis en Buenos Aires la 20-an de Februaro pri sia vojaĝo tra Hispanujo kaj pri la 14-a Hispana Kongreso de Esperanto en Bilbao. Li kaj lia ĉarma filino Irma lasis al ni tre agrablajn rememorojn. Ni sendas al ili tre elkoran kaj amikan saluton.

Al la fervora kaj agema samideano F. Navarro kaj edzino, en Cartagena, naskiĝis filo José Luis la 19-an de Marto. Al la feliĉa paro ni sendas nian sinceran gratulon, kaj petas ke ili bonvolu igi la etulon denaska esperantisto.

## DONACOJ AL NIA BULTENO

**Antaŭa sumo 1.559 pesetoj.**

**F. de la Puente, 10 pesetoj. — P. López, 5.— A. Ivars, 10.— J. Calap, 10. — V. Fernández, 5.— J. Jacobs, 50.—R. Gisbert, 25.—P. Delicado, 10.— G. Moya, 10.—J. Bremón, 10.—E. Lunate, 10.—P. Baró, 5.-P. Tamarit, 5.-M. Maynar, 10.-J. Orós, 10**

**Entute 1.744 pesetoj.**

Donacoj por la Fondaĵo Montevideo

**Antaŭa sumo 185 pesetoj.**

**Esperanto - Rondeto de Burjasot, 25 pesetoj.— E. Guillem, 10.**

**Entute 220 pesetoj**

*Koran dankon al ĉiuj donacintoj.*

---

# HISPANA KRONIKO

*BARCELONA.*—Niaj simpatiaj kaj agemaj samideanoj de la Grupo «Stelo de Paco» organizas kursojn, prelegojn, libroloteriojn ktp. Ankaŭ eldonas informilon, el kiu ni ricevis la 3-an numeron. Per ĝi ni ekscias ke nova estraro estas elektita kaj, inter aliaj informoj, estas unu, pri kiu ni volas atentigi la legantaron: ili plendas, ke nur malmultaj membroj partoprenas la kluban vivon kaj ĝiajn aranĝojn. Ĉi tio estas inter ni endemia malsano. Ja en ĉiu Esperanto-grupo nur malgranda anaro faras la tutan laboron kaj, krom la manko de helpo de la ceteraj samideanoj, kiam venas interesa okazaĵo, ankaŭ tiu apartigita samideanaro ne ĉeestas. La estraro de «Stelo de Paco» petas, ke oni estu pli esperantistaj ol ĝis nun. Krome ĝi klopodos, ke kiel eble plej multaj anoj fariĝu individuaj membroj de nia Federacio.

*LA CORUÑA.*—S-ano Francisco Ortega Becerra strebadas por revivigi Esperanton en la tuta Galega regiono kaj lia entuziasmo kaj senlaceco estas tiom grandaj, ke ni certas pri lia baldaŭa venko. Li gvidas la Esperanto-elsendojn de Radio Juventud (ĉiulunde je la 19'30 horo, per ondo de 250 metroj), kaj tra la telefono li parolas kun la kursanoj, samtempe disaŭdigante per la mikrofono la telefonan interparolon. Tiamaniere 56 radio-lernantoj finis la unuan radio-kurson, kaj oni jam komencis la duan. Pro la nombro da leteroj ricevitaj de aŭskultantoj, oni povas kalkuli je 1.000 la nombro da personoj trafitaj de tiu propagando, ne enkalkulante aliajn multajn, kiuj ne skribis ĉar eble la afero ne interesis al ili, sed ili aŭdis pri Esperanto. Krome S-ano Ortega Becerra kun valoraj kunlaborantoj organizis aliajn kursojn en Academia Azur, por komencantoj kaj progresintoj. Oni kreis atmosferon tre favoran por la internaci-lingva ideo, kaj oni preparas la fondon de la Galega Esperanto-Asocio, kiu gvidos la movadon en la tuta regiono.

*CIAÑO-SANTA ANA.*—Niaj karaj samideanoj de la Grupo «La Verda Kolombejo», kiuj tiom laboras por Esperanto en tiu urbeto kaj en ĝiaj ĉirkaŭaĵoj, ĵus faris kolektivan vojaĝon al Gijón, por interparoli kun la tieaj samideanoj pri grava afero: Gijón kiel kongresa urbo por nia nacia jarkunveno 1955. Post amika kaj vigla diskuto, la Gijón-anoj entuziasme konsentis, kaj estis do decidite proponi en la Zaragoza Kongreso la urbon Gijón por nia 16-a jarkunveno. Kaj ili promesas, se la propono estos akceptata, klopodi kun entuziasmo por distri kaj amuzi la kongresanaron, kaj por montri al ĉiuj partoprenontoj la belaĵojn de la Asturia regiono.

# NOTICIARIO

*Que se convenzan de su utilidad.* — Preparando la Asamblea General de la UNESCO, que tendrá lugar en Montevideo el próximo Octubre y en la que se tratará de la moción relativa a la adopción del Esperanto como idioma de las relaciones internacionales, se han iniciado en Uruguay unas emisiones de Radio sobre este asunto, por las estaciones CX 26 del Ministerio de Ganadería y Agricultura y CX 50 de Radio la Capital.

*Sobre todo, a los niños.* — Anualmente la juventud de Gales, Inglaterra, difunde un mensaje de paz, dirigido a los niños de todo el mundo, con motivo de la conmemoración de la Conferencia de la Paz de La Haya en 1899. El 18 de Mayo, la estación de la BBC, de Cardiff, radiará el mensaje en siete idiomas, entre ellos el Esperanto, siendo la emisión en onda de 341 metros y a las 17 (hora española).

**«Revuo Esperanto Internacia», Rickmansworth, Inglaterra.**

*Otra obra en la literatura esperantista.* — Acaba de publicarse en esperanto una obra titulada «Antologio de brazilaj rakontoj», recopilación de treinta y tres cuentos de los mejores novelistas brasileños. La obra lleva un prefacio de la Academia de Bellas Artes.

**«Brazila Esperantisto», Río de Janeiro.**

PERIS-GRAN VIA M. TURIA, 28-VALENCIA